3/2016, SEP, N-RO 32

# La Amsterdama Katedro



2016 © F Gobbo

## Esplorado kaj plua videbligo

*Ĉi tiu numero kovras la periodon ekde Majo 2016 ĝis Aŭgusto 2016. Temas pri tempo sen devigaj edukaj engaĝoj, do la plejmulto de la tempo estis dediĉiita al esplorado kaj al videbligo de la katedro. Pozitivan reagon ricevis la apero de la Festlibro honore al Renato Corsetti, jam prezentita en la antaŭa numero. Sed multo alia same okazis. Ŝajnas, ke la intereso por Esperanto inter nederlandaj lernejanoj estas sufiĉe rimarkinda, kaj ankaŭ ĉe vidartistoj en Amsterdamo. Krom tio, novaj retoj de esploristoj pri nekutimaj lingvoj – ĉefe minoritataj sed ne nur – formiĝas kaj la katedrulo nun partas en kelkaj el ili.*

Foto: Prezento de la volumo en Nitro (fotis D. Blanke)

## Du Esperanto-kongresoj

de F. GOBBO

ĈI SOMERO ESTIS DEDIĈIITA AL du kongresoj, nome la Universala Kongreso en Nitro, Slovakio, kaj la Itala Esperanto-Kongreso, en Fraskati, Italio. Unu el la ĉefaj kialoj malantaŭ la partopreno estis la prezento de la volumo honore al Renato CORSETTI. Malgraŭ la insistoj, la simbola transdono de la festlibro al la jubileulo en Nitro okazis tute ne solene; fakte ĝi estis la fina momento de agrabla Aŭtora Duonhoro, kiu okazis ĉe la libroservo, for de la notita programo sur la kongresa libro – kaj for de la centra halo de la kongresejo mem. Tamen, la modesteco de la ejo helpis al amikeca etoso, ankaŭ, danke al la ĉeesto de kelkaj homoj kiuj kontribuis al la libro mem: interalie, Detlev BLANKE[1], Humphrey TONKIN, Davide ASTORI, Jouko LINDSTEDT, Michela LIPARI, Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLEZ kaj kompreneble Anna LÖWENSTEIN, kiu provlegis la anglajn tekstojn. Entute ĉeestis ĉirkaŭ dozeno da homoj




*Barata restoracio kun la verda flago en Nitro (fotis F Gobbo)*

Alia prezento okazis je la fino de Aŭgusto, dum la Itala Esperanto-Kongreso en Fraskati, urbeto proksima al Romo. Tie, ĉirkaŭ 50 homoj partoprenis la prezenton.

[1]Bedaŭrinde la elstara germana interlingvisto abrupte forpasis malmultajn tagojn post la fino de la UK. Estis Detlev kiu unue instigis la italajn kolegojn, preskaŭ kvar jarojn antaŭe, pripensi Festlibron por la okazo. Li taksis la laboron kaj la prezenton gravaj agadoj. Mi elkore dankas lin.

Sed la partopreno al la du kongresoj ne limiĝis al libroprezentoj. Fakte, en ambaŭ okazis diversaj eldonoj de la Ateliero pri Multlingvismo inter Esperantistoj: du eldonoj en Nitro, unu en Fraskati. La Ateliero estas laborkampa esploro rilate al la agado de la katedro: oni scivolas pri la maniero vivi multlingvecon fare de esperantistoj, precipe en la origina kaj nuntempa familio. Tiu ĉi esploro estas preskaŭ natura postsekvo de la rezultoj jam faritaj dum la esploro de Irene CALIGARIS, sub la mentorado de la katedrulo en Torino en jaro 2014.[2]

La katedro videbliĝis en la 101-a UK ankaŭ per aliaj agadoj. Unue, la katedrulo prelegis en la Esperantologia Konferenco pri la diversaj uzoj de la sintagmoj 'lingvo internacia' kaj 'internacia lingvo' en la Zamenhofa Esperanto per korpusa studo. Montriĝas, ke la formo 'lingvo internacia' estas tipe Zamenhofa kaj tute speciala, ĉar la vortordo estas markita, male al 'internacia lingvo'. Post la prelego, okazis interesa diskuto kun aliaj ĉeestantaj fakuloj. La studo aperos en Esperanto en la aktoj de la Esperantologia Konferenco, kaj eble angle aliloke.[3]

Paralele al la UK okazis konferenco en la apuda Universitato Kostantino la Filozofo, ĉiam en Nitro, kies laborlingvoj estis Esperanto, la angla kaj la slovaka. La esperanta titolo de la konferenco estis: 'Perspektivoj de lingva komunikado en Eŭropa Unio'. La katedrulo estis invitita paroli kadre de la panela diskuto 'Lingvaj problemoj de civitana partopreno kaj lingvaj problemoj ĉe ekonomia integriĝo', sub la gvido de Michele GAZZOLA – vidu Figuron 1. La prelego estis farita en Esperanto kun anglaj lumbildoj, kaj la temo estis 'aliroj al multlingvismo de Esperanto-parolantoj'. Tiu temo estas parto de la nuntempa esperantologiaj esploroj de la katedrulo. Diversaj homoj starigis demandojn kaj komentojn, ĉar la temo estas ankoraŭ sufiĉe nekonata, kaj en Esperantujo, kaj eĉ pli ekstere.

## Novaj esploraj kunlaboroj

de F. GOBBO

GRAVAN VALORON NUNTEMPE havas la kunlaboroj kun aliaj fakuloj de aliaj universitatoj kiuj interesiĝas pri similaj esploraj temoj. En ĉi tiu kampo, estas kvar novaĵoj. Unue, la katedrulo aliĝis al internacia reto de esploristoj pri la tielnomataj 'kontestataj lingvoj': temas pri ĉefe minoritataj lingvoj kies statuso estas aŭ nerekonata de la majoritato – kaj ofte ili ne ĝuas ajnan protekton laŭleĝe – aŭ duba inter la parolantoj de la lingvo mem, kiuj ofte erare kredas, ke ilia kontestata lingvo eĉ ne estas lingvo sed nur dialekt(aĉ)o de la majoritata lingvo.[4] La membroj de la reto, aparte Marc TAMBURELL kaj Mauro TOSCO, estas malfermitaj al Esperanto ĝenerale.

Due, Claudia SORIA, la estrino de la Eŭropa projekto *Digital Language Diversity Project* petis la katedrulon iĝi referanto kadre de tiu ĉi projekto – vidu Figuron 3. Oni devas mencii, ke la novaj kunlaboroj estiĝas ĉefe pro la fakto, ke la katedrulo komparas inter si la komunajn trajtojn kaj la problemojn inter Esperanto kaj minoritataj lingvoj.[5]

Krom la du aliĝoj al internaciaj retoj de esploristoj ĵus klarigitaj, estas du alispecaj novaĵoj rilate al esplorado. Fakte, la katedrulo ricevis la inviton partopreni la teamon de grava interlingvistika fakrevuo nuntempa, kiu estas publikigita en Seulo en la angla – vidu Figuron 2. La nomo de la publikaĵo estas *Journal of Universal Language*, kie la katedrulo jam publikigis diversajn fakartikolojn tra la jaroj. Fine, estiĝis kunlaboro inter la Universitato de Manĉestro kaj la Universitato de Amsterdamo, tra postdoktora studento Guilherme MOREIRA FRANS. Li iĝis honora membro de la Universitato de Amsterdamo por havi la eblon resti en la Schengen-areo dum sia laborkampa esploro en Roterdamo kaj Parizo. La esploro estas antropologia kaj celas priskribi kiamaniere Esperanto estas uzata kiel ĉiutaga lingvo en oficejoj, ĉefe la CO de UEA en Roterdamo kaj la oficejo de SAT en Parizo.

## Esperanto, lernejanoj, artistoj kaj tiel plu

de F. GOBBO

LA PLEJ FIDELAJ LEGANTOJ de ĉi tiu bulteno jam scias, ke estis sufiĉe multe da nederlandaj lernejanoj kiuj volas verki pri aspektoj de Esperanto kiel fina altlerneja abiturienta diplomlaboraĵo. En Majo la katedrulo estis kontaktita de du lernejaninoj de la Stedelijk Gimnazio en Lejdeno, Sietske DIJKSTRA kaj Berbele PUTTER, kiu volas esplori la demandon ĉu Esperanto taŭgas por Eŭropa Unio kiel komuna dua lingvo. Ili ĉeestis la publikan prezenton pri Esperanto farita de la katedrulo kadre de la studente organizita konferenco *Global Identities* kiu okazis en la sidejo de flandra asocio

[2] Mi memorigas al la legantoj, ke la rezultoj de la esploro de mag-ino Caligaris iĝis monografio sub la tiparoj de la itala eldonejo Aracne. Oni povas aĉeti per la eldonejo mem aŭ tra la Itala Esperanto-Federacio.

[3] Interesatoj povas trafoliumi la lumbildojn ĉi tie: http://www.slideshare.net/goberiko/lingvo-internacia-au-internacia-lingvo-kelkaj-konsideroj-pri-la-origina-nomo-de-esperanto-en-diakrona-perspektivo.

[4] Pli da detaloj ĉe la oficiala anglalingva retejo de la reto, kiu tamen ne estis ankoraŭ aktualigita, almenaŭ ĝis la 7a de septembro 2016: http://contested-languages.bangor.ac.uk/.

[5] Pri tiu ĉi temo la katedrulo sendis mallongan tekston al la amiko kaj kolego Davide Astori kadre de konferenco kiun li organizis en Fraskati pri minoritataj lingvoj, paralele al la Itala Esperanto-Kongreso. La teksto iam iel publikiĝos.

en Amsterdamo, nome *De Brakke Grond*.[6] Alia duopo, Jane STUHLMACHER kaj Shanti BAUDOIN, el la Cygnus gimnazio (mi ne scias la urbon!) kontaktis la katedrulon por similaj kialoj, sed ili neniam aperis post responda retmesaĝo.

Sed foje venas petoj pri informoj aŭ povi intervjuoj min pri Esperanto aŭ interlingvistikaj temoj fare de nelernejanoj. En Marto, mi ricevis peton de Angelica PREVITE kaj Bri MOSTOLLER, studentinoj ĉe la Stanforda Universitato pri "komputilo-scienco kaj homscienco" (kiel ili sin difinis en sufiĉe flua Esperanto) intervjui min pri la Esperanto-kulturo. La intervjuo finfine okazis en la lastaj tagoj de Aŭgusto en la oficejo de la Universitato de Amsterdamo rekte.

Same en Majo, alvenis peto de du belgaj studentoj, Sybren LACROIX kaj Cellke VAN NUFFELEN, kiuj estas ĵurnalistoj de retejo *21bis.be* pri retpoŝta intervjuo pri la demando ĉu eblas starigi tutbelgan planlingvon. La intervjuintoj kolektis diversajn informojn de diversaj intervjuitoj kaj kunmetis artikolon en la nederlanda.[7] Pli oficiala intervjuo estis tiu de la organo de la Fakultato de Humanistiko de la Universitato de Amsterdamo, pri la specialaj profesoroj – vidu Figuron 4.[8]

En Junio, mi estis kontaktita angle de itala vidartisto, kiu loĝas en Amsterdamo (vere!), Giovanni GIARRETTA. Li havas projekton uzi planlingvojn en unu el siaj artaĵoj – ne nur Esperanton, do, sed ankaŭ Volapukon kaj Holivudajn lingvojn. Persona renkontiĝo estas en niaj planoj. Fine, mi estis kontaktita de nederlanda filmartistino Nicoline VAN HARSKAMP por kunlabori en specifa projekto, sed bedaŭrinde mi ne povis esti en Amsterdamo ĝustatempe. Feliĉe mi povis transdoni la taskon al la kolego Leston BUELL, kiu povis plensukcese helpi al ŝi. Mi aldonas la priskribon de la rezulto en la fina sekcio.

## Esperanto ludas ĉefrolon en mallonga filmo ekspoziciata en Amsterdamo

de L. BUELL

EKDE LA 23A DE APRILO 2016 estas ekspoziciata[9] en Amsterdamo arta filmo en kiu Esperanto ludas ĉefan rolon. Temas pri "Studobjektoj", mallonga verko (proks. 17 minutoj) de la Nederlanda filmartistino Nicoline van Harskamp kiu videblas en la Amsterdama arta centro *De Appel*. En la filmo, grupo da profesiuloj el la arta mondo kiuj iomete lernis Esperanton provas kune traduki en la internacian lingvon kompleksan tekston pri moderna arto verkitan en la siaspeca lingvaĵo de tiu komunumo: la tiel nomata *International Art English*. Tiu formo de la angla enhavas multe da ĵargono, uzas kompleksajn frazostrukturojn kaj estas malfacile komprenebla por eksteruloj. La traduk-antaro en la filmo inkluzivas la artistinon mem kaj internacian triopon de studentoj (el Kenjo, Finnlando kaj Indonezio) el la studprogramo de De Appel por muzeaj kuratoroj. Ilin gvidas kaj helpas en la tradukado la usona lingvisto kaj tradukisto Leston Buell.

Instigis la artistinon krei ĉi tiun verkon ŝia intereso pri komunikado kaj komunikproblemoj en la arta mondo, kiu ĉefe uzas la anglan lingvon malgraŭ tio, ke la plejparto de la anoj de la arta komunumo ne estas denaskaj parolantoj de tiu lingvo. Traduki esprimojn abstraktajn aŭ kompleksajn el tiu faka lingvaĵo en planlingvon malofte uzatan por profunde kaj precize priparoli konceptojn de la moderna arta devigas onin esplori la veran signifon de tiuj esprimoj. Ekzemple, ĉu ĉiu fakulo kiu uzas la esprimon *practice* ('praktiko') havas la saman ideon pri ĝia signifo en difinita kunteksto?

"Studobjektoj" estas unu el la du verkoj konsistigantaj la projekton *You must make your death public* ('Vi devas fari vian morton publika'), kiu estas parto de la ekspozicio *Two takes on crisis'* ("Du interpretoj de la krizo"). La ekspozicio estas la fina diplomhaviga laboro de la partoprenantoj en la studprogramo de *De Appel* por muzea kuratorado. La tuta teksto de la filmo (miksaĵo de la angla kaj Esperanto) aperas en la bela broŝuro de la projekto, kaj aparta folio kun kompleta traduko de la tiel nomata kuratora deklaro de la projekto estas havebla en la salono de la ekspozicio. La ekspozicio daŭros ĝis la 12a de junio en De Appel, Prins Hendrikkade 142, Amsterdam.

[6] La oficiala paĝo de la tre neformala konferenco estas la jena: https://www.brakkegrond.nl/en/agenda/global-identities. La ĉefa organizanto estis Mees van Stiphout, jama studento de Esperanto de la katedrulo mem.

[7] Interesatoj povas legi la nederlandan tekston ĉi tie, pri kies enhavon mi ne garantias: http://www.21bis.be/stories/2016/05/23/het-belgisch-een-nieuwe-landstaal-kan-het-of-niet/.

[8] La titolo de la numero estis, nederlandlingve: *Buitengewoon Bijzonder*, iel 'eksterordinare specialaj'.

[9] La teksto kompreneble aperis *antaŭ* la inaŭguro de la ekspozicio: legantoj atentu al tio antaŭ ol juĝi la uzon de la participoj! Spuroj de la ekspoziciita (nuntempe) arta filmo videblas ĉe la sekva retpaĝo: http://deappel.nl/visit/programme/activity/?id=1048.

**PANEL DISCUSSIONS / PANELAJ DISKUTOJ / PANELOVÉ DISKUSIE**

***TOPIC / TEMO / TÉMA:***
*LANGUAGE PROBLEMS OF CIVIC PARTICIPATION AND ECONOMIC INTEGRATION INTO THE EU /*
*LINGVAJ PROBLEMOJ DE CIVITANA PARTOPRENO KAJ LINGVAJ PROBLEMOJ ĈE EKONOMIA INTEGRIĜO / JAZYKOVÉ PROBLÉMY OBČIANSKEJ PARTICIPÁCIE A JAZYKOVÉ PROBLÉMY PRI EKONOMICKEJ INTEGRÁCII*

***Content targeting / Enhava celo / Obsahové zacielenie:***
*Multilingualism, Linguistic Democracy and Social Justice /*
*Plurlingvismo, lingva demokratio kaj socia justeco /*
*Viacjazyčnosť, jazyková demokracia a sociálna spravodlivosť*

Moderator / Gvidas / Moderátor: **Michele Gazzola** Room / Ejo / Miestnosť: **D2**

| **Time/tempo/čas** | **Members/Membroj/Členovia** | **Institution/Institucio/Inštitúcia** |
|---|---|---|
| 14:30 – 16:00 | Davide Astori | University of Parma (Italy) / Universitato de Parma (Italio) / Univerzita v Parme (Taliansko) |
| | Pierre Dieumegard | Europe Democracy Esperanto, Paris (France) / ŭropo Demokratio Esperanto, Parizo (Francio) / Európa Demokracia Esperanto, Paríž (Francúzsko) |
| | Federico Gobbo | University of Amsterdam (Netherlands) / Universitato de Amsterdamo (Nederlando) / Univerzita v Amsterdame (Holandsko) |
| | Pádraig Ó Laighin | University College Dublin (Ireland) / Universitato College de Dublin (Irlando) / University College v Dubline (Írsko) |
| | Eugen Macko | Munich (Germany) / Munkeno (Germanio) / Mníchov (Nemecko) |
| | Ľubormír Petrák | Member of Parliament of the Slovak republic / Membro de la Nacia Konsilio SR / Poslanec NR SR |
| | Jacek Protasiewicz | National Council (Poland) / Nacia konsilio de Polando / Snem (Poľsko) |
| | Giorgio Silfer | Esperanto Citizens' Community / Esperanta Civito / Komunita esperantských občanov |
| | Jiří Zlatuška | Chamber of Members of Parliament of the Czech Republic / deputito de Nacia Deputitaro, de la Ĉeĥa Respubliko / Poslanecká snemovňa ČR |
| 16:00 – 16:15 | Open discussion with participants of the panel discussion / Malfermita diskuto kun partoprenantoj de la panela diskuto / Otvorená diskusia s účastníkmi panelovej diskusie | |
| 16:15 – 16:30 | Break / Paŭzo / Prestávka | |

Figuro 1: Eltiro de la programo de la konferenco en Nitro




SEJONG UNIVERSITY

209 Neungdong-ro, Gwangjin-gu, Seoul 143-747, Korea | Tel (02) 3408-3114 | Fax (02) 3408-3200

# Invitation Letter for the Editorial Board Membership

(www.unish.org)

Publisher: Sejong University, Seoul, Korea
Available in Printed and Electronic Versions

Dear Professor Federico Gobbo,

The *Journal of Universal Language* is concerned with artificial languages, typology, universality in language, and other related linguistics areas such as phonetics, phonology, syntax, semantics, and pragmatics. The journal is published in print form in English biannually by the Language Research Institute of Sejong University. The *JUL* is registered in the Korea Citation Index, and it has been evaluated by the National Research Foundation of Korea, maintaining accreditation as an outstanding academic journal since 2005.

Figuro 2: Parto de la letero pri partopreno en la JUL-fakĵurnalon




Pisa, 16 May 2016

Dear prof. Federico Gobbo,

given your position as Special Chair holder in Interlinguistics and Esperanto at the University of Amsterdam and your expertise in promotion and revitalization in Regional and Minority Languages in Europe through the digital media, I am pleased to invite you to be involved in the Advisory Board of the Digital Language Diversity Project (DLDP). The project is funded by the European Commission in the framework of the Erasmus+ Programme under the Grant Agreement No. 2015-1-IT02-KA204-015090 and is coordinated by the Italian National Research Council (CNR-ILC) under the scientific responsibility of Dr. Claudia Soria.

Figuro 3: Parto de la letero pri partopreno en la projekton DLDP

# Buitengewoon Bijzonder

Brug tussen wetenschap en samenleving

**JOS BIEMANS**
**LEERSTOEL VANWEGE DE PROF. MR. HERMAN DE LA FONTAINE VERWEY STICHTING EN DE KONINKLIJKE BIBLIOTHEEK**

"Als bijzonder hoogleraar Boekwetenschap en Handschriftenkunde kan ik, naast mijn onderzoek en onderwijs aan de Faculteit der Geesteswetenschappen, een bijdrage leveren aan de bestudering en presentatie (ook digitaal) van de middeleeuwse handgeschreven boeken bij Bijzondere Collecties van onze universiteit."

**EVELIEN GANS**
**LEERSTOEL VANWEGE DE STICHTING MENASSEH BEN ISRAEL INSTITUUT**

Moderne Joodse geschiedenis is een mijnenveld; scherpe analyse en nuance zijn vereist. Emancipatie, assimilatie, zionisme, Joodse identiteit. Welke verschuivingen in beeldvorming en in anti-Joodse stereotypen zijn er opgetreden voor en na de Holocaust? Wanneer kan men van antisemitisme spreken, wanneer van Israëlkritiek? Het gaat hier om complex(e) kennis en inzicht - zowel wetenschappelijk als maatschappelijk relevant.

**FREDERICO GOBBO**
**LEERSTOEL VANWEGE DE VERENIGING UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

"Students are enthusiastic to learn the arts and crafts of planning a language, in this case Esperanto, from scratch, as if it were Dothraki of the Games of Thrones, and to receive an alternative perspective on globalization through Esperanto as a living language."

Figuro 4: Intervjueto en la oficiala magazeno de la Fakultato de Humanistiko